XXXIII-a Jaro — N-ro 452 — 10 Novembro 1937

# ESPERANTO

Internacia Gazeto eldonata de la Universala Esperanto-Asocio

# Unu lingvo, unu idealo, unu movado

**Post la kongreso jubilea - UEA je la fino de 1937 - UEA en 1938**

## Post la kongreso

La Jubilea Kongreso estis espero por multaj samideanoj. Espero, ke solviĝos la konflikto inter-esperantista. Pli precize, inter UEA kaj la Ligo.

Tio ne realiĝis! Iuj opinias, ke pro kulpo de la ĉefoj. Aliaj serĉas la kaŭzon en cirkonstancoj. Ne mankas la kutimaj kulpigoj reciprokaj. El ĉio kristaliĝas nur unu sola kaj bedaŭrinda fakto: La neŭtrala movado restas disigata. Ne nur internacie, sed ankaŭ en pluraj landoj.

Post la kongreso restas la sento, ke ne sufiĉas lingvo por sin kompreni. Necesas ankaŭ unu idealo komuna. Kaj komuna idealo bone komprenita, kondukos al la deziro de ĉiuj: *unu movado*, ĉe kiu ĉiu honorinda samideano povas partopreni.

## UEA je la fino 1937

Pasis unu jaro post la grava ŝanĝo en UEA. La kelkaj malnovaj anoj de UEA, al kiuj oni ĵetis la ŝlosilojn de la Centra Oficejo transprenis la fuŝitan aferon. Duonveraj informoj pri morto de UEA nebuligis ĉion. La eksiĝinta komitato prokrastis la transdonon de la aferoj al la protestintoj, por ke ili ne sukcesu ordigi la Asocion.

Tio nature influis. Revenis aro da fidelaj kunlaborintoj eksiĝintaj aŭ eksigitaj dum periodo 1934-1936. Revenis malnovaj membroj. Sed kolosa estis la tasko por informi, klarigi, refuti.

Kaj la rezulto? Ĝi estas nek brila, nek malbonega. La jaro 1937 estis transira. Necesis likvidi multajn aferojn kaj unuvorte meti la Asocion sur tute novan bazon.

La recepto estis: *Adapti* la kostojn per radikala ŝanĝo, al nova situacio. *Malaltigi* la kotizojn de l'aktivaj membroj, konforme al la novaj kondiĉoj. *Konservi* la saman servaron al la membroj.

La Provizora Komitato sukcesis en ĉi tiu penado. La Centra Oficejo restis ĝis fino de Aŭgusto en la Insul-Turo. Kaj translokiĝis en la Palacon de l'estinta sekretariejo de la Ligo de Nacioj. Je favoregaj kondiĉoj! Sidejo en internacia medio kaj por malpli ol la triono de antaŭa kosto. Materia kaj morala gajno!!

Malgraŭ la perdo de gravaj landoj pro malpermeso, pro milito, pro misinformo la nombro de aktivaj membroj atingis iom pli ol 1300. Kaj delegitoj en 400 lokoj.

UEA revenis al origina stato. Ĝi nun eniras en la tridekan jaron de ĝia ekzisto. Nu, en jaro 1909, post unujara laboro ĝi kalkulis Delegitojn en 249 lokoj kaj 1223 membrojn.

## UEA en 1938

La agado en 1938 estas fiksita de la Provizora Komitato en sia kunsido de la 23-24 de Oktobro jene:

*Daŭrigi* la kutimajn laborojn, restarigi rilatojn disrompitajn de la antaŭa komitato, revarbi membrojn

*Eldoni* Jarlibron 1938 (pli bone presitan ol tiu de 1937) kaj la gazeton, adaptataj al la novaj bezonoj.

*Entrepreni* interesajn propagandajn laborojn, tiom kiom ebligos ilin la rimedoj

*Alceli* ŝparojn en la administrado de la Asocio kiel en la internacia movado

*Elektigi* daŭran internacian komitaton de nia Asocio

*Akceli* la re-unuecigon de la neŭtrala movado internacia, celo bone atingebla, se ĉesus la malpravigitaj atakoj kaj estus repagataj al UEA de la respondeca persono la grandaj monsumoj al ĝi ŝuldataj.

Pri detaloj ni parolos en alia artikolo. La programo por 1938 estas ampleksa.

*Kaj nun antaŭen al laboro.*

**Universala Esperanto-Asocio**
**Por la Prov. Komitato.**
K. M. Liniger. R. Richez.
Prezidanto Vicprezidanto.

# Vigla Voĉo Veterana

## Elkora eĥo

Tuŝanta surprizo estis la novaĵo, ke la Varsovia kongreso, en la urbo de l' Majstro mem, dum la ora Jubileo de nia sankta idealo juĝis min inda iĝi honora membro de UEA, min pli emociigis ol mi povas esprimi per kelkaj vortoj.

Mi ŝatas ĝin multe pli ol nacian distingon de propra registaro, ĉar ĝi estas nobelatesto internacia, pruvante ke mi ne tute vane vivis, sed ion atingis de mia juneca idealo, —ke mi estis permesita formi almenaŭ dentoton de l' senfina rado de l' eterno.

Sinceran dankon pro tiu feliĉiga konvinko, kiun ĉi-tiu pruvo de Via estimo donis al mia koro. — Depost la Dresdena kongreso la bildo de UEA ĉiam ŝvebis antaŭ mia animo kiel personigo de nia neforgesebla Hektor Hodler, ĝis dum la lastaj jaroj diversaj maliluziigoj nebuligis mian firman konvinkon pri la kernsaneco de nia movado.

## Resereniga efiko

Jen nova ardo trasvarmas min: la amikaro vivas kiel ĉiam kaj vokas min kiel perditan infanon sub la flugilojn de nia UEA.

Solena momento en mia vivo, kiu tute rejunigas min! Elkoran dankon al UEA kaj same al la samlandanoj, iniciatintaj ĉitiun surprizon!

## Konfeso pesimisma

Por doni rigardon en la pesimismon kiu vualis mian spiriton mi jen konfesas kelkajn fragmentojn el nia brodkastaĵo per la Vara-radio dum Julio lasta. Ĝi montras sentojn de emerita ekspioniro, el kies maniko ankoraŭ ardas nevelkebla apostoleco, kiu ne (laŭ holanda proverbo) « ŝmiras mielon ĉirkaŭ la buŝo » dum la eta kontakto, sed tamen donas lernigan fonon de vero:

## Dornoj en nia karno:

Kiam oni legas la tuŝantan « Preĝo sub la verda standardo » en kiu nia Majstro enkorpigis ĉiun emocion, ĉiun delikatan noblan vibradon de sia varma koro dum la Bulonja kongreso, oni tuj sentas, ke larmoj de profunda tuŝo tiam plenigis la okulojn de l' ĉeestantoj. — Ĝi ne nur estis unua kongreso, sed vere religia solenaĵo. La entuziasmo de l' pioniroj revokis en ili infanan purecon, por kiu brilas la rokoj estontaj kiel montoj de oro. Ili vidis tiom klare la mirindajn laŭcelajn ecojn de Esperanto kaj ĝiajn eminentajn servojn por la homaro, ke ili optimisme imagis ke, se nur la atento de l' mondo altiriĝos, la disvastiĝo iros kiel pajlofajro, tiel ke en kelkaj dekadoj ĝia universaleco estos fakto.

...Sed nun la rezultato de senfina serio de plurmiloj da kursoj, milionoj de embriaj samideanoj.

——Cieloke oni devus supozi esperantistojn, sed oni devas ilin serĉi per lanterno kun speciala helpo de UEA aŭ Sat-jarlibro. Dum regulaj vojaĝoj tra Eŭropo mi ne rimarkis verdstelulojn dum mia insigno riskigis eĉ suspekton.

La bonega Nimega kurso trasvarmis dum jaroj nian landon... miloj da adeptoj ornamas nian statistikon. —sed la sama statistiko atestas, ke preskaŭ nenia matura frukto de tiaj intensaj kursoj falas en dankan mezon de iu ftiza grupo aŭ fervore formas novan kernon. — ...Inter cent kursanoj eble unu ĉiamfidelulo. Le restaĵo perdis intereson, malaperis en senfundan puton kaj neniam revenos.

Ŝajnas ke oni konsideras la Esp. studadon kiel laŭmodan sport-motivan distraĵon, kiun oni poste forlasas kaj sekve forgesas anstataŭ sin praktike perfektigi. — Tiurilate mi emas je l' konvinko ke nia laboristaro posedas la plej seriozajn elementojn. En iliaj kongresoj mi ofte enviis la debatanojn por kiuj Esperanto vere iĝis natura lingvo, kiun ili uzas multe plie flue ol mi. Por ili ĝi ja estas la sola fremda lingvo, dum aliaj, kiuj sin privilegias per la nomo « intelektuloj » intermiksas plurajn en sia kapo kaj « amatoras » kiel poliglotoj. Kaj tia dualismo malhelpas pensi en Esperanto.

Kaj la devizo: « Rondo familia »? Nia glora centro: UEA dividiĝis kiel amebo, per skisma paŝo « filialigis » Londonon kaj ambaŭ marŝas pene. Se nur ambaŭ samdirektiĝu, kaj ne pro « tro frata » konkurenco sin montru lambastonoj. .....kaj nia « spes patriae », la Skoltaro, ...Ili evidente sin sentas jam sufiĉe kosmopolitaj por ne bezoni Esperanton kaj de « handikapas » sian propran movadon, kruele sentonte ke babili per gestoj estas moderna anakronismo de l' Babela turo, ĉar babeli ja estas ridinda surogato de babili. —Laŭ lastaj simptomoj ili ŝajnas fine iom vekiĝi el sia plumba letargio— ...La dua etapo estu ilia!

## Vivu optimismo!

Espero ja estas la radiko de nia idealo!

Depost la Esp. pratempo, kiam nia stato estis dubema, nia progreso tamen estas enorma! Jen fantomas en mia memoro unua kunsido de l' novbakita « La estonto estas nia », la embrio, portanta la duban vivpovon de nia primitiva movado. La estraro formis la ĉefan parton de ne absoluta senhomeco. — La paŝtisto ne kuraĝis timigi sian brutaron per Esp. parolado, de kies inda fino li mem estis tute ne certa, estante nur izola ĉambra saĝulo sen parola praktiko, kaj do starante sur malfirma tereno, suspektante sin mem.

Anglan propagandiston por la Kembriĝa kongreso li enkondukis ...angle. —Nin hontigis lia rimarko, ke en Holando oni evidente pli parolas PRI ol EN Esperanto. Ja ĉio estis nematura. —Koncerne tio mi devas konfesi, ke ni enorme progresis. Mi humile petas pardonon pri mia jusa akra kritiko, nur inspirata per bona intenco, sur vero bazita. —La efikan konstruan laboron faris selekta apostolaro, per kies senlaca elteno la muroj kreskis ĝis la nuna fazo.

Fondi fundamenton nur donas hazardan meriton, kiun oni speciale ŝuldas al mia obstina Frisa kapo, fanatika pro la kompataj ridetoj de l' mondo. —La modesta ĝermo prospere evoluis per ilia oferema zorgado. —Kaj tiu gvardia korpuso de bravuloj, kiel fidinda falango, kreskos ĝis elekta legio, kiu glore atingos la celon!

FINE ĜI VENKOS!

LA ESTONTO ESTAS NIA!

Hilversum, Oktobro 1937.

Via dankema

Dreves Uitterdyk.

# Universala Esperanto - Asocio

**Centra Oficejo : Nova adreso : Palais Wilson, Genève, Svislando**

# Interŝtata Esperanto - Akordo

**Ĉefa ideo : Ses registaroj reciproke promesos : Ni enkondukos la instruadon devigan de Esperanto en ĉiujn lernejojn de nia lando, se vi promesos fari la samon.**

**Gvidanto de la penado: D-ro Antoni Czubrynski, Wesola 32, Wlochy pod Warszawa (Polujo)**

## Klarigo

**La bazo de la nuna klopodado, komencita de D-ro Edmond Privat, en jaro 1923, estas**

1. Detala prezento de la tuta materio troviĝas en la Jubilea Jarlibro de la Esperanto-Movado 1937, represita kaj disdonita al kongresanoj.

Resuma teksto en « Ora Libro », kaj en ESPERANTO, n-ro 442, Majo, 1937.

2. Rezolucio de la Tutmonda Asocio de Geeinstruistoj Esperantistaj (TAGE) akceptita en la Ferma kunsido de la Jubilea Kongreso (Vidu ESPERANTO, p. 59, Septembro 1937).

3. Rezolucio proponita al la kunveno de TAGE, de D-ro Antoni Czubrynski kaj akceptita. Tiu ĉi rezolucio entenas la ĉefajn ideojn pri la farotaj paŝoj por akceli la Akordon.

Ni represas tie ĉi la rezolucion menciitan sub 3, kaj la francligvan tekston de Akordo. Plie klarigan artikolon de D-ro Czubrynski.

La kunvenintoj en la kunsido de TAGE dum la XXIX Universala Esperanto Kongreso en Varsovio decidis renovigi la klopodojn koncernantajn la realigon de Interŝtata Esperanto Akordo /IEAk/ celanta la samtempan enkondukon de Esperanto kiel devigan lernoobjekton en ĉiujn lernejojn, de la mondo, se 6 ŝtatoj la samon promesos.

Por tiu ĉi celo oni decidis :
Inter esperantistoj

1) **organizi** interkonsente kun Landaj Asocioj la Landajn Komitatojn por Realigo de tiu ĉi IEAk.

2) **popularigi** pere de ili prese kaj prelege la ideon pri IEAk inter rondoj esp. kaj ne-esp.

3) **aranĝi** plebisciton inter neesperantistoj por IEAk per varbado de fakaj asocioj, korporacioj, societoj, ktp. en ĉiuj landoj parte au entute por tiuj ĉi ideo, ke ili subtenu la celadojn de esperantistoj ĉe iliaj propraj registaroj pri IEAk,

4) **varbi** politikajn partiojn, grupojn, blokojn ktp. ke ili enmetu en ilian programon la postulon al iliaj registaroj subteni tiun-ĉi ideon.

5) **entrepreni** vastan propagandon en ĉiu lando pri la ideo en larĝaj amasoj, kolekti rezoluciojn kaj petskribojn de diversaj pli konataj homoj favoraj al tiu ĉi ideo.

6) **varbi** deputitojn en parlamentoj /eventuale en kantonoj, ŝtatoj, en Usono ktp. laŭ landaj kondiĉoj.

7) **prezenti** la ideon pri IEAk al ministroj de klerigo kaj ekstero /laŭ landaj kondiĉoj / kun la peto ke la koncerna lando aliĝu al IEAk.

Postuloj pedagogiaj :

Prepari la instruistojn kaj ilian diplomigon, verki la necesajn lernolibrojn kaj legolibrojn, vortarojn.

Postuloj organizaj :

La kunvenintoj de la XXIX kongreso de TAGE decidis dum tiu ĉi kunveno, por bona aranĝo de preparaj laboroj, peti ĉiujn redakciojn de naciaj esp. jurnaloj kaj revuoj malfermi la kolonojn por la presado de la sciigoj kaj cirkuleroj pri IEAk en la periodo komenca antaŭ la konsolidiĝo de la komitatoj por realigo kaj eventuale antaŭ speciala organo dediĉita al IEAk movado, kiu devas esti sendependa kaj libera de la organizaj disputoj inter UEA kaj IEL.

## Teksto de l'Akordo :

(Originala teksto el jaro 1923)

*Les états signataires, reconnaissant l'importance de répandre l'usage d'une langue auxiliaire pratique pour faciliter les communicaitons internationales déclarent être prêts à introduire graduellement dans leurs écoles publiques l'enseignement de l'espéranto lorsqu'il y aura au moins six états signataires du présent accord.*

*Le présent accord n'entrera en vigueur que lorsque il y aura six états signataires. L'original en français et en espéranto sera déposé entre les mains du Secrétaire général de la Société des Nations et restera ouvert à la signature de tous états désireux d'y adhérer par la suite.*

*Les états signataires restent librés de choisir le mode d'application du présent accord qu'ils jugeront le mieux approprié à leur organisation scolaire. Ils s'engagent à informer le Comité international de l'Espéranto, à Genève, des mesures qu'ils décideront prendre à ce sujet, soit par disposition législative, soit par décret administratif.*

## Informoj pri la farota laboro :

Oni petas naciajn komitatojn por la Realigo de IEAk sciigi nin pri taŭgaj agantoj, kiuj volus sin dediĉi al tiu-ĉi grava movado organizante ĝin laŭ la direktivoj de rezolucio antaŭa. Estus dezirinde, ke ĉi tiuj samideanoj ne pritraktu tiun-ĉi laboron kiel la alkroĉaĵon al iu alia, kvankam esperanta laboro, ĉar ili ne plenumas bone gravan taskon, kiun ili prenos sur siajn ŝultrojn, sed dediĉu sin nur ekskluzive al IEAk-movado.

Se estas necese, libreto pri IEA-k movado disdonita dum Varsovia XXIX kongreso povas esti represata parte aŭ entute, ĉar aŭtoro rezignas pro bono de IEA-k movado je la aŭtorrajtoj. Nepre necese estas tamen, sciigi la aŭtoron pri eventuala eldono.

La raportojn pri la progreso de preparaj laboroj por IEAk-movado vi unue presu en viaj esp. naciaj organoj kaj poste sendu ilin al la ĉefgvidanto. Evitu malnecesan korespondadon.

Ĉefgvidanto ne respondas leterojn sen la respondkupono.

## Nova horizonto

Estas ĝenerale konata fenomeno, ke per malgranda monero, metita unu cm antaŭ la okulo oni povas kovri grandajn perspektivojn kaj eĉ la tutan sunglobon kun la maso 330.000 foje pli granda ol la maso de tero. Io simila okazis dum Varsovia kongreso, dum kiu la demando pri la rilato inter UEA kaj IEL pro sia aktualeco tiel vualigis ĉiujn aliajn problemojn, ke mi en **kelkaj** raportoj pri tiu-ĉi kongreso tute ne trovas, nek per unu vorto la mencion pri la Interŝtata Esperanto Akordo/ mallonge IEAk/, nune la plejgrava demando, kiu devas alcentrigi la celadojn de la tuta esperantistaro, ĉar per feliĉa solvo de ĝi solviĝos aŭtomate ĉiuj aliaj problemoj de la esperantismo. Tial mi petas de Vi, karaj samideanoj, la helpon en la popularigo de tiu-ĉi ideo.

Imagu al Vi samideanoj, ke en iu ŝtato, kie E-movado estas sufiĉe grandskale disvastigita, ekz. Anglujo oni sukcesas enkonduki instruadon de Esperanto en 50 lernejojn kaj kolekti 10.000 da subskriboj sur la petskribo al parlamento, ke oni devige enkonduku E en ĉiujn lernejojn de la tuta lando. Parlamento akceptas la proponon kaj longaj penadoj finiĝos per sukcesoj. La tuta brita junularo eliranta de nun el la lernejoj scipovas uzi perfekte Esperanton. Sed baldaŭ oni rimarkas iun mankon en la tuta plano, povanta eĉ kaŭzi pro la ĝustatempa ne-antauvido la protestojn. Oni diros : por kio estas necesa tia grandskala instruado de E., se aliaj landoj la samon ne faris ? Io simila okazis sur la insulo Samos en 1908, post la morto de insulestro favora al Esperanto, kiu enkondukis ĝin en ĉiujn lernejojn de la insulo. Oni ne kontraŭbatalis E., sed simple konstatis ĝian realan disvastigon kaj post lia morto reduktis ĉio al normala tiama situacio.

El tio-ĉi sekvas, ke ne sufiĉas, ke unu ŝtato zorgu enkonduki E., en siajn lernejojn. Ĝi, per tio-ĉi, ankoraŭ ne multe sukcesus, ĉar ĝiaj ŝtatanoj, forveturinte eksterlanden trovus nur malgrandajn grupetojn de homoj scipovantaj uzi tiun-ĉi lingvon. Io alia estus, se ĉiuj, sekve komence minimume kelkaj laŭ ministro Beneŝ en 1927 ses) registaroj promesas ĝin devige enkonduki en la lernejojn **samtempe**, mi ripetas: samtempe ! En tiu-ĉi ideo pri samtempeco ripozas la tuta graveco de la ideo pri IEAk: **« ni faros tion-ĉi ĉe ni, se Vi la samon faros ĉe Vi ».** Tio-ĉi tamen estas jam diplomata demando, ĉar koncernas la interŝtatajn konvenciojn aliflanke tre konvena por ni kaj por la registaroj. Ili nenion riskas: ili momente enkondukas nenion kio povus trovi la kontraŭstaron de la publiko. Ilia promeso momente devigas ilin al nenio, se la aliaj ŝtatoj la samon ne promesos. Se tamen ili ĉiuj ses promesos, tiam la eventuala kontraŭstaro de l'publiko estas facile kontraŭbatalebla, ĉar la registaroj povas respondi : « ni ja ne povis tion-ĉi ne fari, se aliaj tion-ĉi faris ». Per malgrandaj paŝoj, oni do povos prepari ion grandiozan.

Post la kolekto de la ses promesoj oni tamen tuj ne enkondukos E-on. en la lernejojn, sed unue preparos la instruistojn, kio estos jam de tiu-ĉi momento multe pli-facila kaj eĉ tre facila ol antaŭe, ĉar oni jam de nun povos deklari al kandidatoj por la instruistoj : Vi zorgu ricevi la diplomon instruistan, ĉar per ĝi Vi gajnos nune la salajron por la vivsubteno ! Oni plu ne predikos al ili pri la interna ideo de Esperanto, pri la nobleco, beleco de la lingvo Zamenhofa je kio oni povas kapti individuojn, sed neniam la grandan amason.

Ideo estas, kiel vi vidas, simpla, sed ankoraŭ tute ne popularigita. Unu el, laŭ mia opinio, falsaj paŝoj en estinteco estis la troa alcentrigo de la preparaj laboroj en unu mano, dum oni plimulte kaj plibone sukcesus, se oni disdonus la tutan laboron inter pluraj manoj, (naciaj esp. societoj) kiuj plejbone scias kiaj estas la cirkonstancoj en lia propra lando kaj kiun klavon kaj kiam ĝustatempe surpremi por elvoki bonan efikon. La laboro de la centro estos malpligranda kaj la kostojn kovros ankaŭ la naciaj societoj pli facile. La esperantistaron oni povas facile sciigi sendante la fotografaĵon de la registara promeso kaj tiu-ĉi fotografaĵo estos samtempe bonega propagandilo ĉe aliaj registaroj, kiuj sin demandos : **« ĉu ni ne estos la unuaj ? ».**

Sed en konstituciaj ŝtatoj oni devas unue sub la petskribo kolekti la subskribojn ne nur de esperantistoj grupiĝintaj en la societoj, sekve la deklarojn de ĉiuj enlandaj grupoj kaj kluboj : (« societo, klubo en... subtenas la ideon pri Interŝtata Esperanto Akordo » /sed ankaŭ laŭpove petskribojn de neesperantistoj favoraj por la ideo pri IEAk. Tiu-ĉi laboro kompreneble devas marŝi paralele kun la ĝisnuna instruado de E. kaj vardabo de novaj fortoj, sed iagrade estas plifacila la kapto de ies subskribo favora por la ideo pri IEAk ol tiun-ĉi personon eklernigi la lingvon ??

Se la penadoj de la esperantistaro iros laŭ tiuj-ĉi direktivoj oni jam post kelkaj jaroj povos vidi la unuajn fruktojn de tiu-ĉi penado, la unuajn antaŭ anoncantojn de alproksimiĝanta trarompa periodo. En tre favoraj cirkonstancoj, ni post iaj sep aŭ dek jaroj povus vidi Esperanton en ĉiuj lernejoj de la ĉefaj ŝtatoj kulturaj devige instruata. Tiam kompreneble likvidiĝos per la fakto mem la ĝisnunaj societoj, kluboj, ĉar ilin anstataŭos la lernejĉambroj en ĉiuj lernejoj, solviĝos la naciaj asocioj kaj ligoj, kiuj nune povas ankoraŭ kalkuli centojn aj eĉ milojn da membroj sed neniel la multmilionajn naciojn, ĉar tio-ĉi egalus kvazaŭ iu volus enfermi iun grandan urbon, ekz. Londonon au Parizon en iu vilaĝo. Per si mem transformiĝos aŭ malaperos la ĝisnunaj organizacioj, kiel UEA kaj IEL, ĉar ili ja plu ne povos enfermi la tutajn multimilionajn naciojn. Kaj io pli mirinda ankoraŭ okazos : neniu priploros tiujn-ĉi ŝanĝojn, ĉar anstataŭ ili ni vidos ion pli grandiozan kaj imponan : la ĝeneralan instruadon de Esperanto en la lernejoj kaj per ĝi la enpenetron de ĝi en la vivon modernan. Restos nur unu institucio kontrolanta la disvolviĝon de la lingvo: Lingva Komitato. Estingiĝos la verdaj steloj en la matenruĝo de leviĝanta granda esperanta Suno. Kial do per la malgrandaj moneroj kovradi ĝian 330.000 foje pli grandan mason ol la tera. En Viaj manoj, karaj samideanoj ripozas la estonteco de tiu-ĉi matenruĝo de leviĝanta suno. Ĉesu okupiĝi pri moneroj, ne perdu el la okuloj la grandajn perspektivojn. La venontaj generacioj vin rigardas el la supro de la jarcentoj. Anoncu Vin al la kolektiva laboro kaj ekkomencu !

D-ro Antoni CZUBRYSSKI.

## Nia himno

**kaj la aŭtor-rajtoj**

Ni petas la atenton de ĉiuj esperantistoj por jena grava afero, kiu tuŝas la interesojn de la tutmonda esperantistaro. Je la 27a de Aprilo 37 okazis en sekcio Beverwijk, Nederlando, propaganda kunveno en kiu **la vizitintoj** kantis kelkajn kantojn i.a. « La Espero », muziko de F. de Ménil. Post kelkaj tagoj la sekcio ricevis leteron de la « Nederlanda Oficejo por protektado de Muzik- kaj Aŭtorrajtoj « (B.U.M.A.) per kiu ĝi postulis la sumon de 3 guldenoj kiel pagon por aŭtoraj rajtoj por la kanto « La Espero », Ĉar ni nenion sciis pri la ekzisto de tiuj aŭtorajtoj same ne B.E.A. (Brita Esperanto Asocio) kiu eldonas la kanton kaj ĉe kiu ni informiĝpetis, ni turnis nin al al la oficejo por pluraj informoj. Al tio la oficejo respondis, ke M. de Ménil estis membro de S.A.C.E.M. (la franca organizo por protektado de aŭtoraj rajtoj) kaj sekve de tio « La Espero » estas t.n. protektata kanto **en ĉiuj landoj,** laŭ la konvencio de Bern. Se efektive « La Espero » estas t. n. protektata kanto kaj en ĉiuj landoj oni do rajtas postuli pagon por permuzika aŭ perkanta prezentado, tiukaze simpla kantado en eĉ la plej simpla kunveno, same kiel en ekz. suprenomita, estas malpermesata sen pago por aŭtoraj rajtoj.

Ĉar ni opinias tiun ĉi aferon tre grava por la tutmonda esperantistaro, ni decidis publikigi ĝin en la gazetaro kaj petas informi nin:

1e. Ĉu efektive ekzistas kontrakto kun S.A.C.E.M. per kiu ĝi rajtas postuli la pagon de aŭtoraj rajtoj por « La Espero ».

2e. Ĉu en aliaj landoj oni jam spertis malfacilaĵojn pro tio;

3e. Ĉu eventuale la heredintoj de F. de Ménil povos nuligi tian kontrakton;

4e. Ĉu estas alia rimedo liberigi nin de kontrakto, kiu malfaciligas la propagandon por nia lingvo kaj sendube ne estas konforma al la ideo Zamenhofa.

Volonte ni ricevos informojn de ĉiu, kiu povos klarigi tiun ĉi aferon kaj kontribui al kontentiga solvo.

La estraro de Federacio de Laboristaj Esperantistoj.

Postbus W. 6. Amsterdam W.
Nederlando.

## Geesperantistoj-Atenton !

Bonvolu ĝui esperanten inventaĵon kiu perfektiĝas vin aritmetike, pere nova, tute esperanta kartludo « **Prodeko** », dediĉita por geesperantistoj. Prodeko estas la plejnova interesa kartludo sur bazo de la aritmetiko. Ĝi distingos pro ĝia valoro ĉiujn ĝisnunajn kartludojn. Prodeko estas universala, ĝi povas esti ludata en ĉiuj rondoj ĉar Prodeko amuzas, distras, edukas la homojn. Prodeko instruas al la homoj la plejgravan faktoron de la matematiko, nome : la aritmetikon / + — : x /. Ludante prodekon ekkomprenas oni ĝin malgraŭvole, aŭtodidakte kaj tre facile, tial mendu nur la kartaron de prodeko ĉe : **Prodeko,** Katowice / G. Slask / Pollando, poŝtfako nr. 8. La kartaro bonkvalita. Prezo modera. Vidu la anoncon sur lasta paĝo.

# Evoluo de Esperanto

**Kritik-historia skizo de Petro Stojan**

XVII.

*(sekvo)*

## Esperantistoj elektu inter memkonstruado kaj prunteprenado

Ni nomas « memkonstruaj » la lingvojn, kiuj kutimis nomi novajn objektojn per malnovaj radikoj. Tiaj estis sanskrito, helleno, latino, slavono. Tiaj estas la germana, slava, araba, hungara, tibeta, ĉina. Jen ekzemploj:

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| **hellena** | hydrofioos | hydrogogon | galaxias | episkopos |
| **latina** | aquarius | aquaeductus | lactea via | inspector |
| **slava** | vodolej | vodovod | mlecnyj putj | nadzornik |
| **germana** | Wassermann | Wasserleitung | Milchstrasse | Aufseher |
| **hungara** | vizöntö | vizvezeték | tejút | felvigyázó |

(Diafana estas strukturo de tiuj vortoj, kiuj en nia lingvo tradukiĝas laŭlitere: akvanto, akvokonduko, laktovojo, survidanto). Sed, por Esperantisto franca, angla aŭ itala, adepto de la « pruntema sistemo », la kvar supredonitaj ideoj devas esti tradukitaj « internacie »: akvario, akvedukto, galaksio, inspektoro, enigante tiel kvar novajn « radikojn »: akvari, akvedukt' galaksi', kaj inspektor'. — malgraŭ tio, ke jam ekzistas la radikoj: akv', lakt', inspekt', sur, vid'.

En tiu kazo, kiam eĉ pruntemaj lingvoj konsentas krei el propra trezoro vorton klaran kaj regulan, evidentas la solvo pure esperanta: *mar-stelo*. Sed adeptoj de esperanta pruntema formsimiado tion ne akceptas: ili adoptas la vorton *asterio*. (Vidu en la « Enciklopedia Vortareto » de Verax, kaj ĉe liaj disĉiploj).

Laŭ la sistemo, kiun ni predikas (kreado el propra radik-trezoro) ni povas el 3000 radikoj formi 100.000, 500.000, eĉ pli da kunmetajoj, kiuj kontentige esprimos ĉiujn necesajn fak-vortojn de zoologio, botaniko, tekniko kaj de mil ceteraj branĉoj. Laŭ la pruntema sistemo, kiu piedpremas sian propran trezoron, por papagumi fremdajn terminojn, nia radikaro neeviteble kreskos ĝis 100.000, 500.000, ktp. radikoj; — preskaŭ por ĉiu nova vorto oni enkondukos novan radikon, kaj fine Esperanto havos la honoron esti la plej malfacila lingvo en la mondo.

Ne nur « sciencemaj » esperantistoj sekvas tiun danĝeran kaj sterilan vojon. Ankaŭ « beletraj » samideanoj tion imitas. Por ili ne sufiĉas diri kristana pastro, budhista pastro, islama pastro, — ili enkondukas: abato, pastoro, popo, bonzo, mulao, muedzino,... Maiza kaĉo ilin ne kontentigus, ili enkondukus: *polento* (por itala maizaĵo), *mamaligo* (por rumana maizaĵo), *proĵo* (por serba maizaĵo). Akvovazo ŝajnas al ili « volapükaĵo », kaj ili preferas: *algarazo* (hispana), *broko* (franca), *amforo* (greka), k. a. El tio povus rezulti vortaro kun pluraj milionoj da vortoj, tamen ankoraŭ ne sufiĉaj por elĉerpi ĉiujn naciajn nuancojn de ĉiuj terpartoj. La Lingva Komitato ĝis nun klare montris sin adepto de la papaguma sistemo, kiel per sia malamika sintenado kontraŭ la adeptoj de « propra trezoro » konsiderante ilin volapükecaj, fantaziemaj. Tiuj du tendencoj (krei el propra trezoro, kaj adopti el la fremda) kunekzistas samtempe, interluktas, duobligas amplekson de la vortaro kaj dividas verkantojn en du apartaj grupoj: Okcidenta kaj Orienta, se ni desegnis inter ili konvencian limon, meridianon de Meza Eŭropo. Efektive, la plimulto da prunteprenemaj aŭtoroj vivas en Franca, Itala, Hispana, Angla landoj, dum plimulto da iliaj rivaloj — en Germana, Hungara, Slava, Azia.

Por nomi konatan maran pikhaŭtan beston, diversaj naciaj lingvoj diras:

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| **hellena** | aster | kio | signifas | stelo |
| **slava** | morska zvezda | » | » | mara stelo |
| **germana** | Seestern | » | » | mar-stelo |
| **angla** | sea-star | » | » | maro-stelo |
| **franca** | étoile de mer | » | » | stelo de maro |
| **itala** | stella di mare | » | » | stelo de maro |
| **hispana** | estrella de mar | » | » | stelo de maro. |

# La mondo ridas

« Hieraŭ mi legis liston pri personoj kiuj ne plu aliĝas al UEA. »

« Kion vi do babilaĉas »?

« Komprenu ——— estis listo de mortintoj. »

*
* *

Brita turisto al arabo prilaboranta la teron (en palestina regiono).

« Tritiko »?

« Ne, tranĉeoj », respondis la arabo.

*
* *

El nuntempa konversacio en Germanujo: « Mi faras al vi brilan proponon: Vi donu al mi la recepton por via grandioza karbopolvo-buter-imitaĵkuko kaj mi donos al vi trikmodelon por mia malgranda laktolana supervestaĵo. »

*
* *

La plej bonaj kolonioj por la Tria Regno estas Grenlando kaj la Sahara.

« Kial do ? »

En Grenlando la Naci-uloj povas petadi monon por vintrohelpo dum la tuta jaro kaj en la Sahara estas sufiĉa polvo ĝin surŝuteti en la okulojn de la popolo.

*
* *

Arnaldo, sepjara itala junulo, malvolonte manĝas sian supon. Li babilas, hezitas kaj fine demandas sian patron :

« Paĉjo, kio estas diktatoro ? »

La patro lin regardas severmiene kaj diras :

« Silentu kaj manĝu ».

La kompatinda junulo ĝis hodiaŭ ne scias, ĉu la respondo estis ordono aŭ difino.

# Turisma Servo




## Kovrilpaĝo de la nova eldonaĵo pri-turisma itala

Antaŭ iom da tempo, la Turisma Propagando-Oficejo en Romo informis pri eldono de nova gvidlibro. Ĝi nun aperis kaj superas en ĉio la supozon. La kvadrata kajero titoliĝas :

### La kvar sezonoj en Italujo

kaj ampleksas 32 paĝojn kun arta kovrilo. 22 × 22 cm Tridek bildoj akompanas la agrable verkitan tekston. Sed plej dankinda estas la aldono de artaj reproduktaĵoj de majstroverkoj de Botticelli **« La naskiĝo de Venuso »** de Tiziano **« Venuso »** de Domenichino **« La Diana ĉaso »** de Dom. Ghirlandaio **« La adorado de la paŝtistoj »**.

La ordinaraj gvidlibroj suferas je detalaĵo : Tro komerca, tro momenta. Escepte, ĉi tiuj italaj eldonaĵoj, kiuj idee, tekste kaj teknike rompas kun kvazaŭ sankta tradicio. Tiajn gvidlibrojn oni ne ĵetas sed konservas. Ili sekve plenumas la rolon al ili donitan : Konstante propagandi, en deca formo.

Oni povas ricevi la kajeron skribante al ENTE NAZIONALE PER LE INDUSTRIE TURISTICHE, Roma.

### Manĉurio

La nomo de tiu ĉi lando ja estas nun konata al ĉiuj pro la okazaĵoj en Ekstrema Oriento. Sed malpli konata estas la turismaj kondiĉoj. Pri ili informas libreto

### Manĉukuo

(18 cm alta, 13 larĝa) 26 paĝoj kun geografia karto, 33 × 20 cm speciale farita por la libreto, la landnomoj en Esperanto. Dudeko da bildoj kompletigas la tekston.

Plaĉe presita kiel la plej bona eŭropa presaĵo de tiu ĉi kategorio, interesas okcidentanon, la prezoj. Ilin pli speciale traktas dua presaĵo, faldprospekto

### Kiam alvenas Tiam ekveturas

amplekso malfaldita 30-40 cm. Praktike aranĝitaj tabeloj instruas pri la tempo kaj kosto. Distanco de Parizo tra Berlino-Moskvo ĝis Dairen (estinta Dalny) estas 11557 km, 11 tagoj da veturado. Specialaj vagonoj laŭ la « Flulinia » principo permesas bone ĉirkaŭrigardi kaj observi. La hoteloj, sub la speciala kontrolo de la Fervoja Kompanio servas laŭ eŭropa kaj usona manieroj. Ni lernas ke matenmanĝo en Mukden kostas 1.20, tag— kaj vespermanĝo inter 2 ĝis 2.50 Jenojn. Kun ĉambro oni povas ricevi ĉion kiel en Eŭropo aŭ en Usono por 10 jenoj tage. Tiu ci prospekto donas bildojn de la flulinia vagonaro Asia, aranĝita kun ĉiuj komfortoj konataj. Eldonis la du prospektojn la Ĝenerala Direkcio Fervoja Sudmanĉuria Fervoja kompanio en Mukden (The South Manchuria Railway Company) de kiu oni petu la prospektojn.



## La Ora Libro de la Centra Oficejo de UEA

Genève, centro de internacia agado, loko de restado kaj de turismo, altiras multaj gastojn. Tion atestas okulfrape unu paĝo de l'*Ora Libro de UEA, kiu portas kiel devizon:*

Esperantisto ne estas fremdulo.

Jen kelkaj enskriboj el lasta tempo.

*

*Post ses jaroj — denove en Genevo por mallonga vizito*

22.II.1937 Joseph R. Scherer

*

*Ĉiam kun kora ĝojo mi revenas al Genevo kaj precipe al la simpatia Tour-de-L'Ile*

28.II.1937 Alinjo Früh

*

*Ĉiam feliĉa reveni al nia hejmo, dezirante feliĉon kaj venkon de UEA.*

Guy Guézequel, Toulon.

*

*Daŭrigu la UEA-laboron, ĉar la UEA-spirito estas la spirito de Esperanto.* W. S. (el Germanujo)

*

*Kio plej plaĉis al mi en Genevo estas UEA.*

Francisko Azorin, Valencia

*

*Plej bonajn dezirojn por la estonta vivo de UEA — malgraŭ ĉio!*

D-ro Solzbacher, Luksemburgo.

*

*Hans Michelson, gvidanto de 35 estonoj kiuj pasigas unu belan tagon en Genève, kaj kiu nur nun komprenas la sencon de nia movado*

*

*Deziroj pri venko de Esperanto, per unuiĝo de ĉiuj esperantistoj*

A. Pialla el Villeurbanne

*

*Sennacieca organizformo superos internacian.* J. Piron el Paris

*

*Unu lingvo — unu frataro !*

Marjorie Hinde el Sydney

*

*Unueco estu inter ni, geesperantistoj, kaj ankaŭ inter la popoloj de la mondo*

Fred. J. Williams, Port Moresby, Papuo

*

*Ĉi tiun tagon ni trafis, dum nia agrabla libertempa vojaĝo, nian treege ŝatatan centron de nia kara movado. Kiel agrable estas povi paroli post balbutado dum multaj tagoj, de diversaj « naturaj lingvoj » nian « ne »-naturan internacian Esperanton. Ke ĝi vivu kaj kresku ĝis eterne, por ke ĉiuj mondanoj povu ĝui tiun veran amikilon. Kun granda ĝojo en mia koro en la bela svisa lando mi skribas ĉi tion.* P. Korte, el Veendam.

*

*Mi tre ĝojas viziti la Centran Oficejon de UEA*

C. Pannevin, Boulogne-sur-Mer

*

*Mi estas certa, ke la kara lingvo internacia helpos alporti pacon inter la nacioj. Mi ĝojas viziti la Oficejon Centran*

M. T. Harrod, Birmingham

*

*Mi vizitas tiun ĉi urbon survoje de Zürich al Paris. Mi tre esperas, ke la interna malpaco de nia movado solviĝu kiel eble plej baldaŭ.*

Y. Kitawaki el Japanujo

*

*Denove en la ŝatata hejmo.*

M. Sárossy, Budapest.

*

*Kun tiel laboremaj samideanoj la movado nepre devas antaŭeniri — kaj mia espero en la fina venko de la Zamenhofa bela lingvo kaj ideo fortiĝis nun post mia vizito ĉe UEA*

Josefo Haim el Bukareŝto

*

*Bela urbo de Genève, pitoreska pejzaĝo de la Lago Léman kaj la ĝentileco de la loĝantoj — ĉio allogas la vizitantojn*

Hideo Yagi, Okayama.

# Tra la Mondo Esperantista

## Aŭstralio

### Prof. Bovet skribas :

En Hobart (Tasmanio) mi trovis kelkajn malnovajn esperantistojn kaj tre viglan junan anglan pastron, Rev. Cowlins, de Christ Church College. Li organizis publikan paroladon kaj sukcesis havi la episkopon (anglan) de Hobart kiel prezidanton. La aŭdantaro estis ĉirk 40, la plimulto jam konvinkita, modestaj, personoj, tre ĝentilaj. Mia edzino kaj mi vere ĝojis renkonti ilin. Post mia parolado, kelkaj vere interesej aldonitaj rimarkoj de la malnova delegito : Kvinfoje li povis uzi Esperanton kun personoj, kiuj tute ne konis la anglan lingvon. Ankaŭ la nuna delegito, S-ro Guilbert, estas vigla kaj afabla. Alia interesa sperto estis pri instruado de kroatoj, kiuj tute ne sukcesis eklerni la anglan lingvon, sed bonege Esperanton, kaj poste per Esperanto havis bonan sukceson eĉ kun la angla lingvo. Oni prezentis al mi la novajn esperantistojn, lernintojn ĉe Rev. Cowlins, sed ili estis tiom hezitemaj, ke ili ne kuraĝis diri multe. Du sinjorinoj kiujn ni renkontis ĉe la Eduka Konferenco, interesiĝis pri Esperanto kaj ĉeestis la paroladon ; mi sendis al ili Esperanto-gramatikon.

En Adelaide mi nur havis tre mallongan renkonton kun la delegito kaj kelkaj amikoj, « entuziasmitaj » li diris al mi. Mi diris al ili, ke Esperanto-klubo estas okazo praktiki Esperanton, eĉ se oni faras, kelkajn erarojn. Al fraŭlino, kiu ekinteresiĝis, mi donis ŝlosilon.

En Perth la impreso estas tute malsama, tre favora. S-ro Saar organizis vespermanĝeton, kien kunvenis 30 amikoj, ĉiuj parolantaj Esperanton flue. Estis tre agrabla renkonto. Du konferencanoj estis enkondukitaj de mi al S-ro Saar — unu el ili ĵurnalisto, kiu publikigis pri Esperanto kaj lernejoj bonan artikolon en « The Westaustralian ».

Oktobro 1937.

## Novzelando

En Auckland, Nov-Zelando, la 20an Septembro, Esperanto ricevis tre gravan rekonigon de eminentaj laborantoj por kaj oficistoj de la Internacia Ruĝa Kruco, inter kiuj troviĝis la urbestro, Kavaliro Ernest Davis, kaj la anglikana ĉefepiskopo Averill. Tio sendube plaĉigas la samideanaron Nov-Zelandan.

Estis je la okazo de publika kunvenego por bonvenigi al Nov-Zelando S-ron Gielgud, alta oficisto de la Internacia Ruĝa Kruco, ke estis decidite sendi gratulon al la Ruĝa Kruco Ĝenevo kaj Parizo, la mesaĝo esti transsendita en Esperanto de S-ino Bessie King, kiu estis komisiita tion fari. Pro ŝia kapablo plenumi la decidon nia samideanino ricevis mem komplimentojn de la urbestro kaj de S-ino T. H. Lowry, prezidanto de la Nov-Zelanda Ruĝa Kruco.

—W. H. K.

## Blindula Korespondado

S-ro John Henshaw 70 Salisbury Street, Subiaco, W. Australia, dekjara blinda knabo, bona esperantisto deziras korespondi en Braille-skribo kun alilandaj samsortanoj.

## Germanujo

La E-vivo nun entute frostiĝis sub la glacio de l' malpermeso. Tamen kelkaj fideluloj, plej harditaj ankoraŭ provas konservi kontakton kun eksterlando. La C. O. de UEA de tempo al tempo ricevas korespondajojn, treege prudente skribitajn kaj kun la saluto « Heil Hitler » ĉe la fino. La gazeto de UEA sendata al trideko da amikoj jen alvenas, jen malapevas ie. El korespondajoj ricevitaj ni ekstraktu :

Mi ŝuldas al vi dankon por la alsendo de ESPERANTO. Mi legis ĉion kun granda intereso. Vi estas sur la ĝusta vojo kaj mi sopiras ke vi ne nur sukcesas pri la restarigo de UEA servaro, sed ankaŭ povos resanigi la disŝiron.

J. Z. iama Delegito.

*

Mi esperas kaj deziras, ke Esperanto tamen travivas la malbonan tempon ĝis la tago, en kiu mi denove povos servi. Dekkvin jarojn mi servadis kun plezuro kaj ĝojo.

J. W. el P. (Delegito).

*

Mi treege bedaŭras la malfacilajojn, kiujn nia amegata lingvo renkontas nuntempe, kaj mi esperas firme, ke la tiu ĉi tempe persekutata verko de D-ro Zamenhof, estos en la estonto ĝenerale akceptita kiel facila ilo de interkompreno de ĉiuj popoloj sur tero.

K. T. (katolika pastro).

*

Se mi nun atinginte 75 jarojn, estas kvazaŭ emerito en mia Esperanto laboro, mi prenas vian manon kun malnova fideleco.

A. S. el L.
(pioniro de nia afero).

*

Tre plaĉus al mi ricevi kelkajn numerojn de ESPERANTO, sopirante ion ekscii pri nia movado.

R. P. el H.
Esperantisto depost 1907).

*

Kiel ŝtata oficisto mi ne plu rajtas est membro, sed mi ne forgesas nian lingvon. Kun sinceraj deziroj.

W. H. el M.

*

Kio estas bona tio venkos. Nia afero estas bona kaj tio estu nia konsolo kaj kuraĝigo.

A. B. el O.

*

...... ke iam revenos la tempo kiam ni povos repreni la amikajn rilatojn per nia ŝatata lingvo por la bono de nia amata patrolando kaj de ĝia registaro.

A. D. el. F.

## Koreo

Finredaktante nian nunan numeron, ni ricevas la unuan ekzempleron de « Korea Esperantisto », eldonita de la Korea Esperantista Asocio. Redaktoro : S-ro Hengwi Hong. Adreso : 190 Ĵohoku-Ĉo, Seoul.

Ĝia enhavo, jam riĉa, konsistas i.a. el pluraj tradukoj el korea lingvo, kies literaturo estas iom malmulte konata en okcidento. « La indigno de l' anĝelo » kaj « Dum dekkvin minutoj » instruas nin pri la stilo de noveleto kaj komedieto, laŭ tia maniero. Diversaj aliaj artikoloj certe kapablos interesigi la eŭropanojn precipe, pri la tieaj lingvo kaj moroj.

Ni mencin ankoraŭ, ke tiu nova esperantista gazeto aspektas tute moderna. Gratulon, sinceran al niaj koreaj samideanoj, kiuj kuraĝis montri tian entreprenemon !

## Verda stacio

« Verda Stacio — esperanta almanako de la Ĉeĥoslovaka radio ». 80 paĝa, 15 × 21 cm., artista kovrilo, luksa papero, ilustrita, eldonita de la Ĉeĥoslovaka radiofonia societo « Radiojournal ». Mendebla ĉe la Verda stacio, Brno, Kounicova 44 por 4 internaciaj poŝtrespondkuponoj aŭ egalvaloro sendebla al la poŝtĉekkonto de Radiojournal, Brno 103462.



Dalibor Chalupa
*Ĉefo de la Literatura sekcio.*

La konata ĉeĥoslovaka radiostacio en Brno, populariĝinta inter la esperantistaro pro sia Esperanto-disaŭdigo kaj surnomita de siaj internaciaj aŭskultantoj, la « Verda Stacio », eldonis samnoman almanakon, kompilitan de sam-anoj Dalibor Chalupa kaj Jirí V. Šamla. La libro alportas en in-



J. V. Šamla

teresa maniero informojn kaj resumon pri la laboro de la Verda stacio, konatigas la esperantistan aŭskultantaron kun la ludantaj aktoroj same kiel kun la tempo kaj la enhavo de sia regula esperanta dissendado, kun Ĉeĥoslovakio, kun sia sidejo Brno, aldonas eĉ interesan drameton « Ĉu revo aŭ fakto », kiu taŭgas eĉ por kluba propagando de Esperanto ktp. La unuopaj artikoloj estas verkitaj de eminentaj radiofakuloj, i.a. de la prezidanto de la Ĉeĥoslovaka radio, Dro Ladislav Šourek, kaj la direktoro de la Verda stacio, dipl. inĝ. Antonín Slavík. La almanako estas vigligita per granda aro da interesaj kaj allogaj ilustrajoj, tiel ke ĝi prezentas harmonian tuton. Ni varme rekomendas la libron al niaj legantoj, ĉar la verko pro siaj enhavo kaj ekstera aspekto kaj pro la sumo postulata por ĝi, kiu fakte eĉ ne kovras produktokostojn, estas nepre havenda de ĉiu radioaŭskultanto. Ne hezitu do kaj mendu ĝin tuj, por riĉigi vian aŭ la kluban bibliotekon per verko eksterordinare valora. Atentigu pri ĝi viajn amikojn, donacu ĝin al viaj korespondantoj, prezentu ĝin al oficialaj institucioj.

## Britujo

Kiel jam foje raportite, internaciemaj rondoj en Anglujo ĉiam pli emas agnoski la utilon de nia lingvo. Grandaparte ĉi tio rezultas de la aktivaj paŝoj faritaj pere de la Londona Esperanto-Federacio.

En 1936 la Brita Junulara Pacmovado adoptis Rezolucion rekomendantan al la Mondjunulara Movado ke ĝi akcelu la disvastigon de Esperanto. Ĉi tiu Rezolucio estis cirkulerata al la diversaj Nacaj Junularaj Porpacaj Movadoj, kaj ankoraŭ estas sub konsidero.

Sabaton la 23-an de Oktobro ĉijare okazis plia sukceso de nia pledado. Nome, en la kadro de la I.P.C. Kongreso (Internacia Pacmovado, Brita Sekcio) en University College, Londono, Reprezentantoj de la Londona Esperanto-Federacio partoprenis. En la Edukada Komisiono S-ro E. D. Durrant parolis rekomende pri Esperanto kaj aprobe estis aŭskultata de la kunveno, kiu decidis, ke ĝia Konstanta Komitato pristudu la demandon de Internacia Helplingvo. Estas notinde, ke la Prezidanto de tiu fakkunveno estis Prof. Gilbert Murray, Prezidanto de la Plenumkomitato de la Unuiĝo por la Ligo de Nacioj. Ĉi tiu organizo estas granda kaj aktiva asocio por la celoj de la Ligo de Nacioj kaj internacia amikeco en Anglujo.

Nun oni povas ja diri, ke tiu organizo kaj aliaj emas rigardi nian lingvon ĉiam pli serioze, kaj estas ege necese ke ni montru nian aktivecon al ili. Ĉi tio estas tasko por gesamideanoj tra la tuta mondo. La eblecoj de plia laboro en Anglujo dependos de la maniero en kiu oni respondos ĉi tiun alvokon.

Do, ĉiu asocio, grupo kaj individuo bonvole pri la afero jenmaniere :

1) Salutu I. P. C. pro ĝia decido pristudi la demandon de Internacia Helplingvo, esprimante la esperon, ke ĝi antaŭenigos la uzon de Esperanto por helpi la internacian interkomprenon kaj amikecon. Oni skribu al : I. P. C., ĉe Eduka Komitato, LEAGUE OF NATIONS UNION, 15, Grosvenor Crescent, London, S. W. 1.

2) Laŭeble publikigu ĉi tiun informon en via gazetaro, Esperantista kaj ne-Esperantista, sendante gazeltranĉojn al S-ro E. D. Durrant, 263-a, Kings Court, Alexandra Avenue, Harrow, (Middlesex), Anglujo.

3) Sciigu al S-ro Durrant pri la rilatoj kun viaj naciaj asocioj por la Ligo de Nacioj aŭ la Mondjunulara Porpaca Movado.

(Gazetservo de la BEA).

## Katalunio

Spite la tragedio de la civila milito furiozanta jam pli ol unu jaron, la propagandistoj de nia lingvo ne malkuraĝiĝas. En Barcelono parolis je la 7 septembro en la Casal de la Cultura, s-ro Jaume Grau Casas pri « Esperanto kaj ĝiaj eblaj aplikoj ». Samtage li parolis en la Radiostacio pri la « Internacia lingvo ». Okazis plie E-ekspozicio de la 1-a ĝis 11-a de septembro. La Kataluna Registaro dissendas regule siajn komunikojn ankaŭ en Esperanto. Aperis granda kolora afiŝo, eldonita de la Propaganda Sekcio de tiu ĉi registaro, kun teksto en Esperanto.

## Unueco

En la internacia kampo nek la laborista, nek la neŭtrala movadoj sukcesis kuniĝi. Des malpli estos eble kunigi ambaŭ movadojn por havigi ununuran esperantistan movadon tute neŭtralan, en kiu ĉiuj tendencoj balanciĝos kaj pli-malpli malaperos por zorgi pri la nura celo de nia honorinda Majstro, la interkompreniĝo inter la popoloj, kio logike sekvigas pli fratan interrilaton kaj pli kompletan respekton unu al la alia, kion ni subaŭdas per la taŭga vorto « Esperantismo ».

Nu ! kio ĝis nun ne estis ebla en la internacia kampo, tamen estis ebla en loka kampo. En Genève ekzistis nur tri diferencaj grupoj... La unue starigita nomiĝis « La Stelo », neŭtrala grupo en kiu partoprenis tutmonde konataj samideanoj kiel D-ro Privat. Pli malfrue fondiĝis la « Laborista Esperanta Grupo », el kiu, pro skismo, eliris kelkaj samideanoj por fondi novan grupon « Grupo Zamenhof ». Dum kelkaj jaroj, ĉiu grupo agadis aparte, laŭeble en siaj propraj medioj, preskaŭ sen interrilatoj. Do, en urbo kun nur 140.000 loĝantoj oni sukcesis havi tri kverelantajn kaj senrilatajn grupojn. Tia stato ne povis daŭri eterne. Ĉiu malbonaĵo havas finon. Oni unue komencis interrilatiĝi, poste oni partoprenis al festoj kaj vesperoj de la aliaj, oni parolis pri unueciĝo kaj fine oni realigis la ĉiesan sekretan deziron : Nun ekzistas nur unu grupo, unueca kaj des pli forta, la « Amika Rondo Esperantista LA STELO ».

Ĉu tio, kio estas efektive ebla en malgranda cirklo, ne estus ankaŭ ebla en la internacia kampo ? Ĉu la samideanoj en la tuta mondo ne estas kapablaj unuiĝi, kiel unuiĝis niaj anoj en Genève, por kune konstraŭstari la grandan malamikon de ĉiuj, la indiferentecon de multaj ? Ni dubas, ke la homoj, post momenta kverelado, ne iam fariĝos — esipereble baldaŭ pli saĝaj. Farita en urbo, kial ne farota en la tuta mondo ? Temas nur pri proporcio ; la faktoroj ne ŝanĝas ! Ni havas komunan malamikon : la lingvaj muroj, ni havas komunan idealon, do, samideanoj, ni kunlaboru, kaj por tio ni unuiĝu !

La komitato de la unueca grupo en Genève konsistas el :

Hans Jakob, prezidanto.

Georges Bouchard, vicprezidanto.

Ernest De Bay, kasisto.

F-ino E. Tchiprout, seketariino.

Ardachès Stakian, komitatano.

Kaj estis elektita unuanime :

S-ro Henri Dubois, Honora Prezidanto, Fondinto de « La Stelo » kaj veterano en Genève.

## Mara postlaboro

En la plano de instruado de eksterlandaj lingvoj la estraro de « Dopolavoro Marittimo » (Mara Postklaboro) de « Conte Grande » enmetis ankaŭ Esperanton.

Tiun ĉi kurson gvidos la samideano Prof. Agostino Stellàcci, kapelano de sama ŝipo. Li fervore propagandas nian movadon kaj faros paroladon pri Esperanto al la ŝipanaro kaj eble al la vojaĝantoj.

# Al nova Jaro kun novaj ideoj
# La agado de UEA dum 1938

**Eĥoj de la Kongreso - Pri kio temas do ? - La « Publika Opinio »**
**De internacia al universala organizaĵo - Perspektivoj**

## Eĥoj de la Kongreso

Observema leganto de la esp. gazetaro konstatis en la raportoj pri la Jubilea kongreso, preskaŭ ĝeneralan unuanimecon en la prijuĝo de la rezultoj. La konfuzo reganta ĉie, ja ne povas resti sen influo pri nia jara manifestacio. La kongreso, kiu estis kaj devis estis tia ankoraŭ pli en Varsovio, **manifestacio por la ideo de l'Esperantismo,** restas en la memoro de l' partoprenintoj kiel ekzemplo de diplomata ludo laŭ la recepto de la diskutoj pri ne-interveno. **Lavu la kapon, sed ne malsekigu la harojn,** tiel oni povus resumi la tutaĵon. Konkrete: Parolu pri organizo, sed **ne tuŝu** tion, kio nun ekzistas ! En neniu kunveno ĝenerala oni aŭdis la du partiojn. Ĉiu parolis por si, al sia publiko en propra kunveno kaj poste ĉiu interpretis la problemon laŭ sia maniero. Konstato okulfrapanta estis, ke la plimulto de la kongresanoj ne interesiĝas pri la detaloj, sed volas vidi rezultaton. Kaj la rezultato nur povus esti : Unueca organizo.

El la diversaj raportoj ni represas tie-ĉi parton de unu el « La Praktiko ». Ĝin verkis S-ro Isbrücker.

*« Kiel kutime, la programo de la kongreso enhavis multajn fakkunsidojn, prelegojn kaj ankaŭ laborkunsidojn. Rimarkinde estas, ke ĝi ne menciis laborkunsidojn de la kongreso sed nur laborkunsidojn de IEL kaj de UEA. Kaj tiuj okazis ĉiam samtempe — laŭ postulo de la IEL-estraro. Iom stranga taktiko, kiu malplaĉis al multaj kongresanoj, kiuj deziris esti Esperantistoj kaj ne elekti inter la du malpacantaj organizaĵoj. En la amplekso de tiu ĉi artikolo ne estas loko por la priskribo aŭ eĉ por la cito de la multaj kunvenoj. Same mi ankaŭ ne volas iri en detalojn pri la vesperaj aranĝoj, kiuj havis la celon per la diversaj muzoj agrabligi la restadon de la kongresanoj en la kongresurbo. Sufiĉu la informo, ke oni aranĝis teatran vesperon, literaturan vesperon kaj gajan vesperon, dum kiuj geaktoroj gekantantoj, gedeklamantoj kaj gedancantoj ricevis meritintajn aplaŭdojn. Kaj fine, vendrede, estis la internacia balo, en la bela halo de la urbdomo, kie belaj naciaj kostumoj konkurencis inter si. Jam heliĝis la ĉielo kiam la lastaj dancemuloj forlasis la domon.*

*Venis la sabato, la tago de la ferma kunsido. Neniam dum ferma kunsido la animstato de la ĉeestantoj estis tiel premita. Estas, kvazaŭ la naturo kunsentas kun ni, ĉar post varma sunriĉa kongressemajno, la griza ĉielo ploras. Kelkaj raportoj kaj rezolucioj de diversaj kunvenoj. Kaj mallonga komuniko pri la malsukceso de la intertraktoj. Nur oni promesis forlasi atakojn kaj polemikojn en la organoj. Sed sekvontan jaron ni havos du kongresojn kaj du jarlibrojn. La du oraj libroj estis belaj, sed mi preferus unu, eĉ se ĝi estus el plumbo.....*

*La «-Espero » ĉe la fino sonis malgaje kaj malserene...*

En ĉi tiuj vortoj ĉio estas dirata.

## Pri kio temas do ?

Komparante la diversajn raportojn aperintajn pri la Jubilea kongreso kaj speciale pri la intertraktadoj priorganizaj, oni vidas, ke unu partio kulpigas al alian ne esti cedinta. Laŭ la estraro de la Ligo, estas la reprezentantoj de UEA, kiuj rifuzis ĉion. Nu, ni ne volas polemiki ! Sed ni konstatu, ke UEA akceptis la proponon de D-ro Zamenhof —**reveni al tradicia UEA sed kun du oficejoj.** La Komitato de IEL tamen prezentis la aferon iom alie.

Kaj el la proponoj de IEL al UEA ne restis io el la ideo de D-ro Zamenhof, akcentinta la tradicion.

La proponoj de la Ligo al UEA signifas (se oni akceptus ilin) la simplan rekonon de kreitaj faktoj en 1936 de la estinta komitato de UEA. Sed eĉ pli grava ol ĉi-tio estas io alia: UEA pere de siaj reprezentantoj faris proponon multe pli vastan preskaŭ radikalan por forigi post faritaj spertoj la nesufiĉecon de la Interkonsento de Kolonjo. Ĉion tion oni prisilentis en la raportoj, tiel ke la publiko esperantista ricevis tute falsan bildon.

## La Publika Opinio

En Varsovio la « Publika Opinio » esprimiĝis en la Malferma Kunveno kaj en la korespondaĵoj ricevitaj, salutoj kaj deziroj — kiujn oni ne legis— pro manko de tempo.

La Publika Opinio aŭdiĝas en aro de leteroj, centoj jam, insistante ke oni trovu rimedon forigi la dualismon, alie dirite, ke oni revenu al antaŭa aŭ eĉ pli bona stato.

La Publika Opinio esprimiĝas en deziresprimoj faritaj dum kongresoj aŭ kunvenoj. Ni represas ĉe la fino tian deziresprimon de la Burgonja Federacio kaj de la Hungarlanda kongreso en Ujpest.

En venontaj numeroj ni intencas publikigi ekstraktojn de leteroj, kiuj ilustras la animstaton de la esp. publiko.

## De internacia al universala organizaĵo

La neŭtrala movado estas hodiaŭ en stato de disiĝo. Kaj eĉ en landoj kun freŝa vento en la movado, la samideanoj interbatalas. Ne konsolas la konstato, ke la klasbatalantaj esperantistoj kverelas inter si same.

La organizo, tia kia ĝi rezultis el la fama Interkonsento de Kolonjo ne povis kontentigi. Ĝi estis internacia sed ne universala. Mankis aro da landoj, kiuj pro ne povo aŭ pro principa kaŭzo ne volis partopreni.

Devas esti kreota organo kiu **reprezentas** la neŭtralan movadon. Devas esti principe akceptata en ĝi la societoj kiuj **akceptas** minimuman programon. Devas esti akcentata la idea flanko de nia afero, kiu apud la teknika faciligo de interkompreno servas al nobla celo: la pace, la frateco inter ĉiuj homoj de bona volo. Sekve: for kun la internaciismo por la univeraleco.

## Perspektivoj

La perdo de kelkaj kaj gravaj landoj por Esperanto, la influo de la konfuza tempo, malfaciligas la laboron. La propagando renkontas hodiaŭ surdajn orelojn kaj la aplikado de la lingvo suferas pro la baroj de la etendiĝanta « aŭtarkio » ekonomia. En certa senco, Esperanto vivas jam en « aŭtarkia » stato, la interrilatoj de lando al lando malpliiĝas kaj sekve la esperantista vivo naciiĝas.

Ni devas rekonstrui. Por regajni perditaĵon necesas malfermi larĝe la brakojn. Neniu restu flanke. Kaj kiam malaperas la duobleco en la klopodado, pli urĝaj laboroj devas esti rekomencataj. **Esperanto en lernejon** estas batalkrio. Cent aliaj laboroj atendas. Kaj ilin nur povas plenumi movado kiu formas unu korpon, formatan laŭ novaj ideoj. Esperanto, movado universala bezonas la universalan organizaĵon.

H. J.

# Dokumentoj

## Deziresprimo
## de la Esperantista Federacio de Bourgogne
## Kunveninta en Dijon

La Esperantista Federacio de Burgonjo, esplorinte la problemon de l'Internacia organizo, kaj diversajn tiurilatajn komunikaĵojn.

Konstatinte ke la malpaco plejaltgrade malutilas al la esperantista celo, senkuraĝigas la bonvolojn, tedegas al la novaj adeptoj, forigas valorajn kunlaborantojn;

Konstatinte ke du internaciaj organizaĵoj ne povas finance vivi, eĉ supozante ilian harmonian kunestadon:

Ke en la du nunaj organizaĵoj, estas sinceraj, sindonemaj samideanoj, eĉ dankindaj pioniroj de la modavo:

Admonas ambaŭflankajn gvidantojn ke ili forgesu ĉiaj personajn ofendojn kaj preferojn, kaj ilin oferu al la supera komuna idealo;

Memorigante pri la antaŭvida parolo de D° Zamenhof en 1912, ĉe Krakovo, jena :

« Ĉiujn dubajn demandojn, kiuj koncernas la tutan esperantan aferon, solvu ĉiam pace, per regula interkonsiliĝo de viaj egalrajtaj delegitoj, kaj per disciplina cedo de la malplimulto al la plimulto »;

Admonas plie la ambaŭflankajn gvidantojn ke ili interkonsentu almenaŭ ĉu pri submetiĝo al difinota arbitracio, ĉu pri referendumo malfermota inter la aktivaj membroj de ambaŭ internaciaj organizaĵoj, laŭ la Zamenhofa inspiro.

Tiu referendumo estu plenumota laŭ la benzona [illegible], kun plena lojaleco, tiel ke fine postvivu, en neŭtrala movado,

nur unu organizaĵo, kun kia ajn titolo:

nur unu jarlibro,

nur unu universala Kongreso,

nur unu tutmonda esperantista familio.

Tiu deziresprimo estos sendata al UEA kaj I.EL.; al la S.F.P.E. kaj al la regionaj federacioj de Franclando.

Por la Federacio
La Sekretario
A. Martin
H. M. de UEA. — M. S. de I.E.L.

## Esperanto Centro-Argentina

« Esperanto-Centro Argentina, landa Institucio por praktikado kaj disvastigado de l' Zamenhofa lingvo, fondita en la ĉefurbo Buenos Aires (Argentina Respubliko) la 2-an de Januaro de l' kuranta jaro kun celoj alte patriota kaj kultura, malfermis sian sekretariejon sur la strato Gallo 1106.

« Laŭ la esprimita deziro de ĉiuj ĝiaj membroj « Esperanto-Centro Argentina » apogos « Universala Esperanto-Asocio » -n, la solan internacian organizon fidinde neŭtralan en vere neŭtrala lando. Por tiu celo la Direktoro de E.C.A. jam starigis specialan fakon : « Varbo-Servo por UEA », kiu flegos la interrilatojn de ĝiaj membroj kun la plej grava internacia organizo esperantista.

« Ĉiuj UEA -anoj travojaĝontaj nian ĉefurbon estas varme petataj viziti nian ejon ĵaŭde kaj sabate depost la 20-a horo. Ili estos samideane bonvenigataj. »

## Telegram-saluto

*La XI. Hungarlanda Kongreso en Ujpest kore salutas kaj energie alvokas la tutmondan esperantistaron por sukcese venki la multajn malhelpojn de la movado noble altruisme kaj ofereme klopodi por unueca mondorganizo kunigante societojn delegitojn kaj individuojn en universala laborcentro.*

*La Kongresestraro.*

## Bibliografia Servo

*D-ro L. L. Zamenhof:* La Kongresaj Paroladoj (unua parto). Eld. J. Muusses, Purmerend (Nederlando). 32 paĝoj. Formato 19,5 × 13,5 cm. Prezo Guld. 0.35 (1937-21).

*D-ro L. L. Zamenhof:* La Kongresaj Paroladoj (dua parto). Eld. J. Muusses, Purmerend (Nederlando). 34 paĝoj. Formato 19,5 × 13,5 cm. Prezo Guld. 0.35 (1937-22).

*Aleksandro Petöfi:* La Avo. El la hungara originalo tradukis Ladislao Spierer. Eld. J. Muusses, Purmerend (Nederlando). 31 paĝoj. Formato 19,5 × 13,5 cm. Prezo Guld. 0.35 (1937-23).

*Ricardo Becerro de Bengoa:* La Jusnaskito. El la hispana originalo tradukis José Fernando Berenguer. Eld. J. Muusses, Purmerend (Nederlando). 31 paĝojn. Formato 19,5 × 13,5 cm. Prezo Guld. 0.35. (1937-24)

*Julius Glück* (kompilis) : La Jubilea Kongreso de Esperanto 1912 (La VIIIa Kongreso en Krakow). Eld. J. Muusses, Purmerend (Nederlando). 36 paĝoj. Formato 19,5 × 13,5 cm. Prezo Guld. 0.35 (1937-25).

*Julio Baghy:* La Verda Koro, Facila romaneto por komencantoj. Eld. Nederlanda Esperanto Centro, Schiedamseweg 209/B, Rotterdam-W. 100 paĝoj. Formato 20,5 × 16 cm. Prezo ne indikita. (1937-26).

*** Konstitucio (Fundamenta Leĝo) de la Unio de Sovetaj Socialismaj Respublikoj. Eldonis Centra Komitato de Sovetia Esperantista Unio, Moskvo. 24 paĝoj. Formato 19,5 × 13 cm. Prezo R. o.35 (1937-27).

*Harold F. Bing:* La Problemo pri Palestino. Eldonis Internacio de Militkontraŭuloj, 11 Abbey Rd. Enfield (Mdx. Anglujo). 16 paĝoj. Formato 21,5 × 14 cm. Prezo ne indikita (1937-28).

*Edward Ozimek:* Eksplodo de l'Paco. Eld. la aŭtoro. 15 paĝoj. Formato 19,5 × 14 cm. Prezo 20 Groŝoj (1937-29).

*V. Bleier & E. Cense:* Ora Libro de la Esperanto-Movado 1887-1937. Eldonis Loka Kongresa Komitato de XXIX-a Universala Kongreso de Esperanto 1937, Varsovio. 222 paĝoj. Formato 23 × 15 cm. Prezo ne indikita (1937-30).

*Franjo Modrijan:* Elementoj latinaj en Esperanto. Eld. Esperanto-Klubo Ljubljana (Jugoslavio). 46 paĝoj. Formato 18,5 × 13,5 cm. Prezo 10 Din. = 1 Fr. sv. (1937-31).

*Jubilea Jarlibro de la Esperanto-Movado:* Universala Esperanto-Asocio. 240 paĝoj. Formato 16 × 11,5 cm. (1937-32).

# El Regno de Eŭterpo

## Lambros Demetrios Callimahos

Jam de kelkaj jaroj la esperantistaro prave ĝojas pro la ekaparteno de lą granda pianisto Imre Ungar al ĝia rondo. Dum siaj koncertvojaĝoj li ofte kontaktas kun la lokaj samideanoj, renkontate entuziasme kaj grandsimpatie.

De la 10a de septembro 1937 —dato de eklerno de Esperanto ĝis jam tre flua parolkapablo, dum restado en Salzburgo, en Aŭstrio — la mondfama greka flutartisto Lambros Demetrios CALLIMAHOS (el parolu « Kalimahos » estas nia aktiva samideano. Nova grava disvastiganto de nia lingvo : en la du jaroj de sia mirinda koncertkariero li estas travojaĝinta Anglujon, Germanujon, Aŭstrion, Italujon, Francujon, Hispanujon, Svisujon, Belgujon, Holandon, Svedujon, Ĉeĥoslovakion, Estonujon, Hungarujon, Pollandon — rikoltante ĉie grandegan laŭdon, artistolaŭrojn daŭre verdajn, postrestigante ĉie fidelajn admirantojn.

Al nia interyjuanto en Tallinn, okaze de tiea dua koncerto, la 26 Oktobro, li simple, en sia aminde sincera kaj modesta maniero, deklaris : « Mi eklernis kaj uzas Esperanton ĉar ĝi interproksimigas la popolojn ». Respondo inda je nobla artisto, en kies konstante kreskanta, ankaŭ kvante impona repertuaro trovas lokon nur veraj perloj, altkvalitaj komponajoj de klasikaj kaj modernaj majstroj.

La praktika valoro de nia lingvo por interlande vojaĝantoj, — cetere garantiata al la koncertanto la partoprenon de nemalŝatinda kerno de samideanoj-aŭskultantoj el la lokaj grupoj, — la praktika flanko s-anon Callimahos ne bezonas ja interesi. Li ne bezonas timi malplenajn salonojn, lia famo magnete altiradas ĉiam pli kreskantajn aŭskultantarojn. Sed same kiel lia supremenciita kolego Ungar, li ŝatas kontakton kun la samideanoj, vizitante tre volonte la lokajngrupojn. Ni ĝojas pri la ideeco de nia nova samideano.

Callimahos estas, niascie, nuntempe la unika flutartisto entreprenanta internaciajn koncertvojaĝojn sole, sen dua solisto. Ordinare dua solisto partoprenas ja por garantii al koncertoj de iu « ĉefa » koncertanto ...... senenuecon, eviton de tedeco. Ĉar koncertoj de fluto sola estas ĝenerale (pro la ordinara limigiteco de la kapabloj de solisto aŭ instrumento) konsiderataj monotonaj, laciĝaj. Ke tiu opinio estas erara, ĉar tro ĝeneraliga, pruvas la koncertoj de Callimahos. Dank' al liaj altaj artistaj kvalitoj kaj dank' al lia bonega muzikilo (Böhm-fluto perfektigita per inventaĵoj de L. D. Callimahos mem, por la plivastigo de la supra registro kaj por la plifaciligo de la aplikaturo) du-hora (!) koncerto pasas sur rapidaj « flugiloj de facila vento ». Al dektrinumera programo, enhavinta i. a. kvar grandajn. monumentajn ver-



kojn de Bach, Haydn, Milhaud, Doppler, krom aĵoj de Gluck, Leclair, Aubert, Hasse, Debussy, Ravel Ibert, Dukas, Roussel, — la « malsata » publiko de la Tallinn'a koncerto alpostulis veran programeton da kvin pluaj solaĵoj ! La eĥoj de la alilokaj koncertoj estas la plej favoraj : ekzemple la koncerto en München, la 24 de sept. 1935 aŭdigis la 7 flutosonatojn de Bach kaj suiton en si (arangitan de C. por fluto kaj ĉembalo), do grandegan amason da bonega muziko de sama komponisto. — estis triumfo de eterne bela arto.

La faktoj, kiujn ni intervjue akiris, estas multrilate rimarkindaj kaj instruaj. Ĝis sia 14a vivojaro (li naskiĝis la 16 dec. 1910 en Kairo, poste la familio baldaŭ elmigris al Usono) la estonta granda muzikisto vidigis nenian intereson pri muziko, kontraŭe eĉ malŝaton. Li eklernis la muzikon 1930 en la Instituto de Muzikarto de la Juilliard-Muziklernejo en Novjorko. Lia speciala instruisto ekestis la ŝatata flutsolisto de la Metropolitan-Operdomo s-ro Arthur Lora. Tiam evidentiĝis liaj fenomenaj teknikaj kapabloj kaj delikata, netrompebla estetika gusto, kiuj decidigis la junulon lasi la ĝisnunajn estontecoplanojn (li perfekte estis ellerninta la radioteknikon kaj ankaŭ jam studis en la Rutgers-universitato de New-Jersey dum du jaroj jaron). Li tutkore dediĉis sin al la ekamita fluto por fariĝi virtuozo, aŭ —pli precize— al la aktiva artkultura kariero. De aprilo 1935 la nomo Lambros Demetrios M. Callimahos ekbrilas sur la anonckolonoj kaj komencas venke trakuradi la mondon. Jam dudekkvinjare li ricevas honoran inviton sur la postenon de flutprofesoro por la somerokursoj de la « Internacia Instituto Mozarteum » en Salzburg, kie li instruis internacian studantaron, kune kun eminentuloj kiel la direktistoj Bruno Walter, Nikolai Malko, la pianisto Frederic Lamond k. al.

Ankaŭ la radioaŭskultantoj jam povis aŭskulti la ludon de Callimahos (kvankan la radiosono neniam povas atingi la tutan ĉarmon de originalo).

La 1. dec. li veturos al Usono, kie en Novjorko jam estas rezervitaj la Urba Halo kaj la Carnegie-Salonego (por 3000 auskultantoj) por pluraj koncertoj, baldaŭ kaj proksimjare okazontaj.

Ni deziras, ke nia nova eminenta samideano pere de sia arto multe helpu nian aferon. Ni samtempe rekomendas al ĉiu gesamideano havante la okazon viziti liajn koncertojn aŭ aŭskulti peraŭskulti perradie. Estos ĝuo senkompara !

Tallinn, la 27. okt. 1937.

H. Sakaria.

# Universala Esperanto - Asocio

## La premiaro dum 1938

### Membro kun Jarlibro (MJ)

(kiu ricevas, krom la membrokarton, la jarlibron, sed ne la gazeton) rajtas elekti premion, unu numeron, el la sekvanta listo kiel :

*Frupaganto* de l'kotizo ĝis fino de Marto 1938 (ĝisnuna ano kiu realiĝas por 1938).

*Nova Aliĝanto* dum la tuta jaro administra, de Novembro 1937 ĝis Oktobro 1938 (se li ĝis nun ne ankoraŭ estis membro).

*Varbinto* de nova ano MJ.

**1.** **Artur Domènech** : *Poemoj.* (1877-1936) eldonitaj de Jaume Grau Casas. 36 p., 1,5 × 11 cm., belete presita.

**2.** **Jaume Grau Casas** : *Novaj amaj poemoj* kaj *La lasta poemo.*

**3.** **Paul Nyssens** : *Bonhumoro.* Esperantigis la aŭtoro mem, laŭ la franca originala verko. 20 × 14 cm., 175 paĝoj.

**4.** **Dreves Uitterdijk, L.K.** : *Miraklaj aventuroj de Sinjoro Longkrurulo.* Rime verkita. Kun 152 bildoj kaj 162 strofoj 75 p., 17,5 × 25 cm.

**5.** **E. Drezen** : *Analiza historio de Esperanto-Movado.* Priskribo tendenca laŭ historia materialismo : multaj faktoj forgesitaj 22 × 14 cm. 94 p. Kun bildoj.

**6.** **Julio Baghy** : *Viktimoj.* La vivo de militkaptitoj en glacia Siberio dum la mondmilito. Jam tro bone konata verko por esti komentariita. 18 × 13 cm., 240 paĝoj.

**7.** **Prof. Nothnagel** : *La Mortado.* Prelego profundsenta kaj konsoliga. Trad. B. Selzer.

**J. S. Machar** : *Benedek.* Historia portreto el milito 1866. Trad. R. Fridrich. 15 × 21 cm., 24 paĝoj.

**Hillar S.** : *Enkonduko en la pedagogion.* Historia skizo. 8 × 11,5 cm., 20 paĝoj.

**8.** **S. Grenkamp** : *Ĉu vi aŭdis tion* ? Kolekto de kelkcento da ŝercoj, spritaĵoj, bonhumoraj eldiroj, bone tradukitaj. 20 × 14,5 cm., 48 p., bele presita plaĉa kovrilo.

**9.** **E. Drezen** : *Pri problemo de internaciigo de science-teknika terminaro.* 84 p., 21 × 14 cm.

**10.** Katolika verketaro konsistanta el 6 libretoj : **Papo Benedikto X-a** : *Kristo kaj la Ligo de Nacioj* — **A. v. Krane** : *Graco atendanta,* rakonto el la tempo de Kristo. — **F. Prast** : *Tarcizio,* drama legendo el prakrista heroa tempo. — *Katolika Preĝareto.* — **Myriam Catalany** : *Klary,* romano.

**Franjo Modrijan** : *Fabeloj.* **De Vreese** : *Esperdona Islando.*

**11.** **Kas. Smogorzewski** : *Pol-Pomeranio.* Trad. S. Grenkamp. Kun 22 kartoj entekste kaj 4 plurkoloraj eksterteksto. 132 p., 25 × 16 cm.

**12.** **Otto Ginz** : *Radio-Vortaro Kvinlingva.* Angla, Ĉeĥa, Esperanta, Franca, Germana. 11 × 15 cm. 218 paĝoj.

**13.** **O. Erdberg** : *Ĉinaj noveloj.* 72 p., 12-15 cm. — **V. Bredel** : **Maŝinfabriko NSK.** — Romano el ĉiutaga laborista vivo. 80 p., 12 × 15 cm.

**14.** **E. Drezen** : **Zamenhof.** Priskribo de la vivo de l'kreinto de Esperanto kun multaj detaloj nekonitaj. 48 p., 12 × 18 cm.

**15.** **Norda Literaturo.** Kolekto de literaturaj verkoj el Norda Eŭropo. Vol. I II, kune 164 p., da bona teksto.

### Membro-Abonanto (MA)

(kiu ricevas, krom la membrokarton, la jarlibron kaj la gazeton dum la tuta jaro) rajtas elekti premion el la sekvanta listo kiel :

*Frupaganto* de l'kotizo ĝis fino de Marto 1938 (ĝisnuna ano kiu realiĝas por **1938**).

*Nova Aliĝanto* dum la tuta jaro administra, de Novembro **1937** ĝis Oktobro **1938** (se li ĝis nun ne ankoraŭ estis membro).

*Varbinto* de nova ano MA.

**I.** **Petro Stojan** : *Evoluo de Esperanto.* Kritik-historia studo pri nia lingvo. Represo laŭ la serio de artikoloj aperintaj en *Esperanto.* Aperos ĝis Fino de l'jaro 1937.

**II.** La Esperantismo. Artikolserio pri problemoj de nia movado. Dokumenta fonto. Ĉirkaŭ 160 p. Aperos Fino de Jan. 38.

**III.** **J. Lejzerowicz** : *El la Verda Biblio.* La historio de la movado rakontita laŭ stilo de la biblio. 104 p., 15 × 12 cm., kun desegnaĵoj.

**IV.** **Puŝkin A. S.** : *Eŭgeno Onegin.* Fama verko de la fama aŭtoro. Versoj, tradukitaj de N. V. Nekrasov. 16 1/2 × 12 cm., 235 paĝoj.

**V.** **E. Drezen** : *Historio de la Mondolingvo.* Tri jarcentoj da serĉado. Trad. Hohlov kaj Nekrasov. Valora verko por rapide informiĝi pri la ĉefaj ideoj regantaj por efektivigo la mondlingvon. Preciza kaj konciza priskribo de kelkcent sistemoj. Kun bildoj. 242 p. 26 × 18 cm., bindita.

**VI.** **Goldoni Carlo** — : *Kurioza okazaĵo.* Triakta komedio, El itala lingvo tradukis Mevo. Kun ilustraĵoj. 19 × 12,5 cm., 62 paĝoj.

**Calderon de la Barca** : *La urbestro de Zalamea.* Dramo en tri aktoj. El hispana trad. Enr. Legrand. 136 p., 18 × 12 cm.

**VII.** **Shakespeare** : *Sonĝo de somermeza nokto.* 70 p., 18,5 × 12,5 cm.

**John Merchant** : *Tri Angloj alilande.* Romano originale verkita en E. 62 p.

**Kabe** : *Internacia Krestomatio.* 108 paĝoj.

**VIII.** **S. Grenkamp** : *Pola folkloro kaj popolkanto.* kun antaŭparolo de Prof. Zaleski. 10 melodioj kaj 9 ilustraĵoj eksterteksto. Eleganta libro, plaĉa 20 × 12 cm., 60 paĝoj.

**Ad. Ferrière** : *Estonta Eduko.* 72 p., 18 × 12 cm.

**IX.** **Karel Ĉapek** : *R.U.R. Rossum-aj Universal Robotoj.* Kolektiva dramo je enkonduka komedio kaj 3 aktoj. 112 p., 21 × 14 cm.

**X.** **Laisant** : *Inicado Matematika.* 172 p., 18 × 12 cm. — **D-ro Javal** : *Inter Blinduloj.* 130 p., 18 × 12 cm. — **Carles** : *Kurludo de taŭroj.* 50 p.

**XI.** **Misu Beraru** : *Spite la vivon.* Poemoj 104 p., 16 × 12 cm. **Alex .Petöfi** : *Johano la Brava.* Trad. Kalocsay. 84 p., 15 × 12 cm.

**Teod. Schwartz** : *Modernaj Robinzonoj,* en la Siberia praarbaro. 88 p., 15 × 12 cm.

**XII.** **Hector Hodler** : Lia vivo kaj lia verko. 168 p., 18 × 12 cm.

Universala Esperanto-Asocio. Historia skizo 1908-1933. 110 p., 18 × 12 cm. Ilustrita.

**XIII.** **H. Heine** : *Atta Troll.* Somernokta sonĝo. Trad. Zanoni. 96 p., 16 × 12 cm.

**XIV.** **P. Firu - S. Pragano** : *Rumana bonhumoro* en elektitaj rakontoj. 12,5 × 18,5 cm., 52 paĝoj.

**Emil Isac** : *Sonorilo kaj kanono.* 60 p., 13,5 × 20 cm.

**XV.** **D-ro A. Stamatiadis** : *Nova Gramatika Libro, por la Supera kurso.* 184 p., 16 × 24 cm.

**XVI.** **Ismael Gomez Braga** : *Veterano* ? Respondoj al la demandaro por la "Festo de la Veteranoj" de l'Jubilea Kongreso de Esperanto. 124 p.

**XVII.** **D. Furmanov** : *Ĉapajev.* Romano el soveta vivo. 216 p. 21 × 15 cm.

### Premioj al Subtenantoj

Subtenanto por la jaro 1938 rajtas elekti *unu* premion el la sekvanta listo. (Unu litero = unu premio).

**A.** **H. W. van Loon** : *Rigardu la teron.* Trad. G. Saville. — La plej sukcesa verko de l'lasta jaro — Post lego de tiu ĉi unika libro terpriskriba la rilato de l'homo al la tero, la historio al geografio estos ne plu demando. Multaj ilustraĵoj. 454 p., 15 × 24 cm.

**B.** **Antologioj.** *Bulgara, Ĉeĥoslovaka, Kataluna.* Kune 1.110 paĝoj da teksto. Tri volumoj — unu premio.

**C.** **Antologioj.** *Bulgara, Kataluna* kaj *Sveda* (2 volumoj) — Kune 1.100 paĝoj da teksto.

**D.** *Bibliografio de Internacia lingvo.* Plej granda kaj ampleksa dokumento pri la scienco de la internacia lingvo kun grafikoj, skemoj, portretoj. Citas 7.000 verkojn de 2.000 aŭtoroj pri la problemo de la internacia lingvo, por kaj kontraŭ, la diversaj sistemoj de lingvoj internaciaj. 560 grand-formataj paĝoj.

**E.** *Esperanto ŝlosilaro.* Kolekto de ŝlosiloj de Esperanto en 24 lingvoj, fiksitaj sur fortika kartono, dufoje faldita, kun agrafoj por pendigi ĉe muro. Belega objekto, interesa reklamilo kaj alloga ekspoziciaĵo.

**F.** **Touring Club Italiano** : La verda Gvidlibro.
1) *Romo kaj ĉirkaŭaĵoj.* 226 paĝoj, 4 kartoj, 24 planoj.

Ne ordinara reklamilo, sed vera gvidlibro tra historio arto kaj vivo de l'Eterna Urbo kun apuda regiono. Senerara traduko. Ornamo de ĉiu biblioteko.

Aldono : Donaco de l'Ente Nazionale per le Industrie turistiche : 1) *Ĉu vi konas Italion ?* 2) *La kvar sezonoj en Italio.*

Riĉe ilustritaj belaj turismaj reklamiloj kun artecaj gusto kaj prezento. Oficialaj eldonaĵoj.

Kolekto de 80 turismaj presaĵoj.

**G.** Kolekto de ĉiuj premioj de frupago 1-14.
25 libroj kaj broŝuroj, kune pli ol mil tekst paĝoj.

Okaze de elĉerpiĝo de unu aŭ alia verko, ni aldonas ion laŭ propra elekto.

**H.** Kolekto de dek premioj de frupago el numeroj I-XVII.
Laŭ libera elekto de l'Subtenanto.

# Universala Esperanto-Asocio

## Centra Oficejo: Palais Wilson, Genève, Svislando

### Ĉefdelegitoj, perantoj, pagejoj de UEA

**Argentino** Rekte al C.O. de UEA.
**Aŭstralio** Rekte al C.O. de UEA.
**Aŭstrio** ĈD. Raimund Ĉech. Lindengasse **8. Wien VII.** Poŝtĉekkonto : A.1937.579, Wien.
**Belgujo** Pag. : Universala Esperanto-Asocio, Genève, Poŝtĉekkonto : 1842.00 Bruxelles.
**Brazilo** Rekte al C.O. de UEA (Poŝtmarkoj neuzitaj kun Esperanto teksto akceptataj).
**Britlando** ĈD. Albert E. Hepton, Grafton Street 89.1. **Hull.**
**Bulgarujo** Per. Rad. K. Triĉkov, ul. Knjajevska 76, **Vratza.**
**Ĉeĥoslovakio** ĈD. Frant. Slavik, Teritoria Oficejo de UEA, Praha-47. — Poŝtĉeko UEA 79.236 Praha.
**Ĉinujo** Rekte al C.O. de UEA.
**Danlando** ĈD. : A. P. Dueholm, Bryggewangen 4, St. th. **København-Ö**
**Egipto** Rekte al C.O. de UEA.
**Estonio** ĈD. F-ino Helmi Dresen, Postkast 6. **Tallinn.**
**Finnlando** ĈD. O. Laukkanen, Kluuvikatu 5. **Helsinki.**
**Francujo** ĈD. Daniel Chagnoux, 10 Rue Rosa Bonheur, **Yzeure** (Allier). Poŝtĉekkonto : Clermont-Ferrand 99.86.
**Greklando** ĈD. Stavro Patsouris, 21, Odos Tsamadou, **Athenes.**
**Germanujo** Estas akceptataj nur abonoj. Oni informiĝu ĉe C.O. Jara abono 6.—, 1/2 jara 3 Gmk.
**Hungarujo** Per. : Literatura Mondo (Bleier Vilmos) Soroksari 38-40, **Budapest IX.** Poŝtĉekkonto : 25-168 Budapest.
**Italujo** ĈD. S-ro. Corrado Cerri, **Ramazzano** (Perugia) Poŝtĉek-konto : 5-742, Firenze.
**Japanujo** Rekte al C.O. de UEA.
**Jugoslavio** ĈD. Radomir Klajiĉ, Svetosavska **23, Beograd,** aŭ per poŝtĉekkonto de UEA, Zagreb 40.759.
**Latvio** ĈD. Talivalds Indra, Kr. Barona iela 104. dz. 19, **Riga.**
**Litovio** ĈD. A. Poŝka, Putvinskio 30, 6.8, Kaunas.
**Nederlando** ĈD. : Jakob Telling, Schietbaanlaan 106. **Rotterdam.** Poŝtĉekkonto : 242619 Rotterdam.
**Norvegujo** Rekte al C.O. de UEA.
**Novzelando** ĈD. L. E. Dust, 20 Chelsea Str. Miramar, **Wellington E-4.**
**Polujo** ĈD. Jakob Sapiro, 33 ul. Marsz. Pilsudskiego. **Bialystok.** Poŝtĉekkonto : 60.047 Warszawa.
**Portugalo** ĈD. Manuel de Freitas, Rua Monte da Lapa 49, 1.º, **Porto.**
**Rumanujo** Sekr. : F-ino E. Morariu, Str. Gelu **9, Cluj.**
**Svedujo** Universala Esperanto-Asocio, Genève : Poŝtĉekkonto, Stockholm 4138.
**Svislando** Rekte al C.O. de UEA. Poŝtĉeko : Genève I. 2310.
**Urugvajo** Rekte al C.O. de UEA.
**Usono** ĈD. Joseph Dubin, 646 Westview Street, **Philadelphia** (Penn). Teritoria Sekr. (Al kiu oni sendu kotizon). S-ro Rudolfo Oristo, 3224 A.W. Mt. Vernon Ave, **Milwaukee** (Wis.).

## Universala Esperanto-Asocio

**Palais Wilson GENÈVE (Svislando**

### Aliĝilo

Mi deklaras mian aliĝon / re-aliĝon kiel :

Membro — Membro-Abonanto — Membro-Subtenanto — Dumviva Membro.

kaj pagas la kotizon de ............ per ĉeko-poŝtmandato-poŝtĉeko-kontante, al Ĉefdelegito.

MI ELEKTAS premion de frupago n-ro : ............

Mi elektas premion de Subtenanto de la listo 1938 : ............

Mia nomo : ............

Mia adreso : ............

Dato : ............ Subskribo : ............

Teksto de korespondado por Jarlibro 1938 : (Enpreso senpaga).

### Dankon pro Bonfaro!

Per la helpo de centoj da diverslandaj geesperantistoj estis eble forsendi mian pacientinon al Davos, Svisujo, por resaniĝi je blindiĝo. En ŝia nomo mi tutkore dankas ĉiujn, kiuj sendis donace poŝtmarkojn uzitajn.

Ĉar tuta resanigo postulas pli ol miliono da p. m., mi ĝentile petas daŭrigi la sendadon, por ke mi, se eble, forsendu ankaŭ alia(j)n malsanulino(j)n. Por eviti kostojn, mi respondos detale al tiu, kiu sendos respond-kuponon.

Bone notu mian novan adreson:

S-ro P. J. W. SCHILPEROORD, Kreekweg 51 a, IJSSELMONDE, (apud Rotterdam) Holanda.

### Kartludo

**Prodeko** la plejnova kartludo sur bazo de la aritmetiko. Talio — 56, bonkvalitaj kartoj. Regularo aldonita. Per unu kartaro povas ludi 2 — 10 personoj. Prezo : 3 — neder. guld. Por revendistoj multprocentan rabaton. Mendu ĝin ĉe **« Prodeko » Katowice / G. Slask / Pollando poŝtfako nr. 8.**

### Korespondado

**Pardubice** (Ĉeĥoslov) : S-ro Josef Svaton, oficisto ONP, Husova 278, PI bfl., PM., k.ĉ.l.

**Göteborg** (Sved.) — Redaktoro Einar Adamson, Värmlandsgatan 18 serĉas korespondantojn en ĉiuj landoj por si kaj siaj kursanoj. L., PI., PM., Gazetoj ilustr. geografiaj kartoj.

### Ŝpertoj

*Nenio ekzistas, kion homo ne tolerus je la ŝarĝo de aliaj.*

*

*Saĝa virino neniam donos okazon al la edzo mediti / pri ŝi, kaj saĝa viro neniam meditas pri sia edzino.*

*

*Neniu ĝis nun laŭdis la vinon pro tio......, ke en ĝi estas v e r o.*

*

*Kiam virino saĝiĝas, ŝi volas edziniĝi ; kiam viro saĝiĝas, ŝi plejofte jam estas edziĝinta.*

*

*Bela virino havas nur unu severan juĝiston.... malbela virino.*

*

*Kiam pasis la Majo de l'amo, la homoj konstatas, ke oni sendis ilin en A p r i l o n.*

*

*Ĉu virino havas grandan aŭ malgrandan piedon, ĉiam estas ŝia ŝuo tro granda.*

**Fondinto : H. Hodler, † 1920**

**Redakcio : Genève.**
**Red. : Provizora Komitato de U E A**
**Presis : Granchamp,**
**Imprimerie, Annemasse, (Hte-Savoie)**
Dato: 10 Nov. 1937.

### Preztabelo 1938

| Lando : | Mono : | MJ | MA | MS |
|---|---|---|---|---|
| **Argentino** | Pes. | 2.50 | 8.25 | 20 |
| **Aŭstralio** | Ŝil. | 4 | 10 | 25 |
| **Aŭstrio** | Ŝil. | 4 | 10 | 25 |
| **Belgujo** | Frk. b. | 16 | 40 | 175 |
| **Brazilo** | Milr. | 12 | 30 | 80 |
| **Britlando** | Ŝil. | 4 | 10 | 20 |
| **Bulgarujo** | Lev. | 50 | 125 | 350 |
| **Ĉeĥoslovakio** | Kĉ. | 20 | 50 | 125 |
| **Ĉinujo** | Dol. | 3 | 7.50 | 20 |
| **Danlando** | Kr. | 4 | 10 | 25 |
| **Egipto** | Ŝil. | 4 | 10 | 25 |
| **Estonio** | Kr. | 2 | 5 | 20 |
| **Finlando** | Fmk. | 40 | 100 | 250 |
| **Francujo** | Frk. Fr. | 15 | 40 | 125 |
| **Germanujo** | Gmk. | Jara abono : 6 Gm | | * |
| **Greklando** | Dr. | 100 | 250 | 800 |
| **Hispanujo** | Pes. | 8 | 20 | 50 |
| **Hungarujo** | Peng. | 4 | 10 | 25 |
| **Italujo** | Lir. | 12 | 30 | 90 |
| **Japanujo** | Jen. | 3 | 8 | 15 |
| **Jugoslavio** | Din. | 30 | 100 | 200 |
| **Latvio** | Lat. | 4 | 10 | 20 |
| **Litovio** | Lid. | 8 | 20 | 40 |
| **Nederlando** | Guld. | 2 | 5 | 10 |
| **Norvegujo** | Kr. | 4 | 10 | 20 |
| **Novzelando** | Sil. | 4 | 10 | 25 |
| **Polujo** | Zlot. | 5 | 12.50 | 25 |
| **Portugalo** | Esk. | 15 | 40 | 100 |
| **Rumanujo** | Lej. | 100 | 250 | 800 |
| **Svedlando** | Kr. | 4 | 10 | 20 |
| **Svislando** | Frk. | 4 | 10 | 20 |
| **Urugvajo** | Pes. | 2.50 | 5 | 20 |
| **Usono (Kanado)** | Dol. | 1 | 2.50 | 5 |

Kotizo de Dumviva Membro (Garantianto) — 300 Fr. sv. — pagebla laŭ taga kurzo. Laŭ deziro partpago estas aranĝebla.

1) **Premion de frupago** rajtas elekti ĉiu malnova ano, kiuj pagis sian kotizon ĝis plej malfrue 31 Marto 1938 (por la jaro 1938).

2) **Premion** rajtas elekti ĉiu **nova** ano dum la daŭro de l'administra aro (de l'1-a Nov. 1937 ĝis 31 Oktobro 1938).

3) **Premion** de varbado rajtas ĉiu persono kiu varbis novan anon al la Asocio.

4) **Premion de Subtenanto** rajtas ĉiu persono kiu pagis tiun ĉi kotizon.

5) **Premion** tuj postulu. Ne atendu monaton aŭ eĉ jaron. Uzu vian rajton. Konsilinde estas indiki alian premion, se okaze elektita libro elĉerpiĝis.

6) **Premion** ĉiam kaj senescepte indiku al tiu, al kiu vi pagas vian kotizon.

## Universala Esperanto-Asocio

**Palais Wilson GENÈVE (Svislando)**

### Aliĝilo

Mi deklaras mian re aliĝon / re-aliĝon kiel :

Membro — Membro-Abonanto — Membro-Subtenanto — Dumviva Membro.

kaj pagas la kotizon de ............ per ĉeko-poŝtmandato-poŝtĉeko-kontante, al Ĉefdelegito.

MI ELEKTAS premion de frupago n-ro : ............

Mi elektas premio de Subtenanto de la listo 1938 : ............

Mia nomo : ............

Mia adreso : ............

Dato : ............ Subskribo : ............

Teksto de korespondado por Jarlibro 1938 : (Enpreso senpaga).